## DENOVE PRI LA ESTRARELEKTO

En la antaŭa numero de nia faka revuo Internacia Fervojisto, mi verkis mallongan artikolon pri la estrarelekto de IFEF. En la kadro de la 65-a IFEF-kongreso okazis la estrarelekto, sed la vicprezidantino de IFEF Sylviane Lafargue tamen reprenis la demision, kaj denove kandidatiĝis. La komitato reelektis la kvin ĝisnunajn estraranojn. Tiu estrarelekto estas grava evento en la vivo de IFEF. Ĉiuj estraranoj por tri jaroj devas plenumi la preskribitajn taskojn, kaj efike gvidi nian Federacion. La taskoj estas pliaj, kiel estas skribita en la Statuto de IFEF. Nuntempe la estraranoj ankaŭ havas „specialajn taskojn", kiuj estas pli gravaj, ol la kutimaj aktivecoj. La politikaj kaj ekonomiaj ŝanĝoj, la interrilatoj kun aliaj fervojaj kaj nefervojaj, esperantistaj kaj neesperantistaj organizaĵoj kaj asocioj, la grave malpliiĝo de la membro-nombro de IFEF kaj la landaj asocioj, la malpliiĝo de la apogoj, la maljuniĝo de la membraro de la fervojistaj esperantistoj ktp, do la ŝanĝitaj cirkonstancoj en ĉiu tereno de la federacia agado donas al ĉiuj estraranoj pliajn taskojn, kaj pretendas efikan, entuziasman kaj ofereman laboron.

Mi mencias ekzemple la redaktoran laboron, en kies kadro mi – kiel redaktoro de nia faka revuo Internacia Fervojisto – havas pli gravajn taskojn pro la morto de József Cziboly, kiu estis membro de la Redaktora Komisiono, kaj faris la teknikan redaktadon. Li havis specialan programon por redakti la revuon, kion mi tute ne konas. Do mi devas helpe de alia programo finredakti kaj enpaĝigi la revuon, eĉ elektronike dissendi tiun. Mi dankas la oferton de Bruno Henry por helpi min, se mi bezonos la helpon, mi utiligos tion.

Mi bone konas la estraranojn, kaj mi esperas, ke ĉiuj estraranoj serioze agados plu, kaj la estrara posteno estas honoro kaj samtempe grava, kaj ne nur iu titolo. Do estraranoj ek al la laboro!

**István Gulyás**

## Frontpaĝo

La kongresejo de la 65-a IFEF-kongreso en Artigues-près-Bordeaux

## Enhavo

# IFEF KONGRESIS EN FRANCIO


Partoprenantoj de la 65-a IFEF-kongreso

La 65-a IFEF-kongreso okazis inter la 4-a kaj 11-a de majo 2013 en la departemento de Francio „Ĝirondio”. La ĉefurbo de tiu sudokcidenta regiono estas Bordeaux (Bordozo), en kies ĉirkaŭaĵo troveblas nia kongresurbo Artigues-prés-Bordeaux.

Jam la sesan fojon gastigis la franca landa asocio de IFEF en Francio la fervojistan esperantistaron por kongresi. Post Paris en 1951, Avignon en 1969, Perpignan en 1988, Le Mans en 1999 kaj denove Paris en 2007 sekvis en la vico Artigues-près-Bordeaux.

La francaj esperantistoj kunligis la IFEF-kongreson kun la kongreso de UFE (Unuiĝo Franca por Esperanto), kaj la du asocioj komune organizis la tutan programon de la unuigita kongreso. Pro tio la kulturaj programoj, ekskursoj eĉ la kunsidoj, prelegoj kaj aliaj kongresaj eventoj estis riĉaj kaj densaj. Entute 253 kongresanoj el 19 landoj partoprenis en la kongreso.

Pri la departemento Ĝirondio, kaj la urbo Bordozo, eĉ pri la lokoj de la duon- kaj tuttagaj ekskursoj ni jam donis detalajn sciigojn en la antaŭaj numeroj de IF. Pro tio mi raportas nur pri la kongreso mem.

Sabate posttagmeze komenciĝis la unua programero de la kongreso, la *Gazetara konferenco*. Poste sekvis la ***Kunsido de LKK kun la estraro de IFEF***.


Esplanado de "Quinconces"

Vespere okazis la **Interkona vespero** en la restoracio, kie la ĉeestantoj salutis unu la alian, kaj helpe de bongusta vino ili babiladis pri la okazintaj eventoj depost la pasinta IFEF-kongreso.

Dimanĉe antaŭtagmeze okazis la *Solena inaŭguro*. Salutis la kongreson Sylviane Lafargue prezidantino de la Loka Kongresa Komitato kaj ankaŭ vicprezidantino de IFEF. Poste parolis al la kongresanoj la vicprezidanto de la Departementa Konsilio Jean-Marie

Damian, kiun sekvis Claude Nourmont nome de UEA kaj UFE. Ankaŭ salutis la kongreson Stefan MacGill nome de ILEI, kaj la prezidanto de „Esperanto Gironde" Bernard Sarlandie. Fine la salutvortojn de UIC (Internacia Fervojunio) – senditajn de Rosalinde Taucher – laŭtlegis la prezidantino de LKK.

Dum la mallonga paŭzo okazis komuna kanto de la himno Esperanto, la „Espero", helpe de muzikisto „Famo", Marica Brletic kaj Metodi Markov. Post la paŭzo entute 14 landaj reprezentantoj salutis la kongreson. Inter ili salutis ankaŭ Brian Moon el Luksemburgio nome de la Akademio de Esperanto, kaj ankaŭ Andrej Grigorjev el Siberio.



**La 43 metroj alta kolono sur la esplanado**

Poste sekvis la festparolo de la prezidantino de IFEF, kiu antaŭ la malfermo de la kongreso alvokis tri meritplenajn homojn al la podio. Unue temis pri Jeannine Daguin, multjara aktivulino en FFEA, kiu interalie rolis kiel kasistino en la du lastaj IFEF-kongresoj en Francio. Poste ŝi alvokis la prezidanton de la asocio „Esperanto Gironde", s-ron Bernard Sarlandie, kaj la plej konatan Esperanto-aktivulon en la bordoza regiono s-ron Marcelo Redoulez. Ĉiuj tri ricevis IFEF-diplomon. Fine de sia festparolo Rodica Todor deklaris la kongreson malfermita.

Post la inaŭguro okazis ***Komuna fotado*** en sunbrila vetero. Poste sekvis aperitivo por ĉiuj ĉeestantoj sur verda herbtapiŝo antaŭ la restoracio, en kies kadro ni povis gustumi delikatan dolĉan vinon, sukon kaj diverspecajn sandviĉojn.

Posttagmeze pr. 70 kongresanoj spektis du filmojn pri Esperanto, kaj okazis la unua ***Kunveno de la Faka Komisiono***. La ĉefa kaj plej grava temo estis serĉo de nova kunlaboranto por la terminara sekcio. Poste prezentiĝis ***Fervojaj novaĵoj*** flanke de Danio (Jan Niemann) kun la titolo: „La trajnfonduso – Togfonden DK – 2013-2025", de Kroatio (Zlatko Hinst) pri la temo: „Prezoj de la pasaĝera transporto", kaj de Ĉeĥio (Ladislav Kovar) kun la titolo: „Alikonstruo de stacio Usti nad Orlici".

Fine la muzikgrupo ***Maragane***. Multaj kongresanoj partoprenis eĉ dancis en gaja etoso. Poste okazis ***Okcitana vespero***, en kies kadro Marcelo Redoulez faris ege interesan prezentadon per riĉa diaporamo pri la bordozaj maskeronoj.

**Lunde** okazis la *Nepublika Komitatkunsido*. La komitato pridiskutis la kongresproponojn, kasraporton kaj bilancon, kaj la plej grava diskuttemo estis la estonto de IFEF, kaj pri tio estis decidite krei provizoran komisionon, kiu konsistas el 12 personoj. Ĝi eklaboris jam en la sama tago vespere ĝis noktomezo. Alia grava temo estis la akcepto de nova landa asocio KEFS (Kuba Esperanto Fervojista Sekcio) el Kuba Esperanto-Asocio. Posttagmeze okazis ***Duontagaj ekskursoj*** al Sankta Emiljono kaj al Bordozo. La tria ekskurso kondukis 35 teknikistojn al la tramgaraĝo de Bordozo. Dum la vizito ni rigardis la riparejon de la tramoj, lapurigad-aparatojn, eĉ la Centrigitan Komandejon. La plej interesa estis la prezento de la elektra

provizado de la tramoj en Bordozo. Tiu elektra provizado el la grundo estas monda novaĵo. La nomo de la elgrunda sistemo estas „APS". La tutan tramgaraĝon prezentis al ni specialisto kaj fakulo.Vespere komenciĝis *Lirikaĵoj*, en kies kadro okazis kantado kaj profesinivela spektaklo speciale kreita por la fervojista kongreso, invitante al kunvojaĝo en fantazia trajneto. La kongresanoj eg ĝuis tiun prezentadon, kaj la aplaŭdoj estis forta...kaj longa.



Eminentuloj en la kongreso

Marde okazis la Tuttagaj ekskursoj. La unua grupo vizitis la subĉielan muzeon de Marquèze, kiu estas rekonstruita al tipa loka vilaĝo. La dua grupo per speciala aŭtobuso vizitis la Arkaŝonan Golfeton. Unue ni alvenis al la dunpinto Pilat. Al la pinto ni povis iri per 150 ŝtupoj. De sur la pinto ni vidis tri malsimilajn mondojn kaj kolorojn, kiel la verdaj senfinaj arbaroj, la flava dezerto, kaj la blua maro. La plej alta pinto de la duno estas 107 metra. Estis interesa kaj unika vidindaĵo! Poste ni vizitis la urbon Arkaŝono, kie ni promenadis sur la promenejo apud la maro. Post la abunda kaj bongusta tagmanĝo ni faris unuhoran ŝipadon sur la golfeto, kaj ni vidis la Birdan Insulon kaj ties surfostajn kabanojn, sennombrajn ostrobredejojn, plezurŝipajn havenojn kaj ankradejojn ktp. Tiu ekskurso vere estis interesa kaj neforgesebla.

Merkrede matene okazis la *Plenkunsido de IFEF* kun 55 ĉeestantoj. Unue la ĉefkomitatano legis la salutmesaĝojn. Salutis la kongreson d-ro Probal Dasgupta (prezidanto de UEA) el Hinda Unio, Herbert Mayer (direktoro de la Esperanto Muzeo) el Aŭstrio, Han Zuwu (prezidanto de ĈFEA) el Ĉinio, Moritaka Osioka (prezidanto de JELF) el Japanio, Peter Zilvar kaj Zsófia Kóródy (flanke de ICH) el Germanio, Elda Doerfler (sekretario de TEA) el Italio, János Patay (Hm de IFEF) el Hungario, Martin Stuppnig (Hm de IFEF) el Aŭstrio, Berndhard Schwaiger (flanke de Radio FREI) el Germanio, Serio Boschin (membro de IFEA) el Italio kaj Hubert Peyrouty (membro de FFEA) el Francio. Krom la kutimaj ĉiujaraj pritraktitaj punktoj (estraranaj raportoj, raportoj de la Faka Komisiono, kaj la komisiitoj, resumaj jarraportoj, buĝeto, analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj, rilatoj al



La estraro de IFEF dum la komitatkunsido

aliaj organizoj ktp), ĉijare okazis estrarelekto por la oficperiodo 2013-2016. La rezulto estis, ke ĉiuj ĝisnunaj estraranoj estis reelektitaj. Ankaŭ estis akceptita aliĝo de nova landa asocio: Kuba Esperanto Fervojista Sekcio el Kuba Esperanto-Asocio, kaj estis konfirmita la invito al la 66-a IFEF-kongreso okazonta de la 17-a ĝis la 24-a de majo 2014 en San Benedetto del Tronto, Italio.

Posttagmeze la unua programero estis la ***Prezento de la venonta kongreso***. Vito Tornillo kaj Romano Bolognesi per belega filmo pri la kongresurbo San Benedetto kaj la ĉirkaŭaĵo prezentis la vidindaĵojn, kongresejon, ekskurslokojn, loĝ- kaj manĝeblecojn k.a. Ili detale konigis la kongresan programon kaj la prezojn. Poste ili transdonis la informilon kaj aliĝilon al ĉiuj landaj asocioj.

Poste okazis la ĉiam atendante programero la ***Movadaj aferoj***. Temas pri nefaka kunsido, dum kiu la ĉeestantoj libere diskutas pri reklamado kaj varbado al Esperanto, kaj pri aliaj temoj. Poste okazis ***Prelego*** fare de Stefan MacGill kun la titolo „Rolo de la fervojo en moderna mondo”.

Vespere okazis Bankedo kaj balo. Ni bone kaj abunde manĝis en la bankedo, kaj ni gratulis al la kuiristoj kaj la restoracia servo. La muziko estis agrabla dum la bankedo kaj la balo, kaj la ĉeestantoj bone amuziĝis preskaŭ ĝis la noktomezo.

**Ĵaŭde** antaŭtagmeze okazis la ***Ĉefa fakprelego*** pri „La bordoza tramo kaj ties moderna APS-sistemo”. Pli ol 70 personoj partoprenis tiun. La geedzoj Lafosse kune stiris la aferon, kaj la tre interesa temo kaptis la atenton de ĉiuj. Tuj poste okazis la ***Prelego*** pri la „Fervoja viadukto de Fades”. Robert Combes helpe de diaporamo prezentis la etapojn de la konstrulaboro de la viadukto, kiu havas pli ol 100 jarojn. Posttagmeze okazis ankoraŭ du ***Prelegoj***. La unua estis pri „Japanaj trajnoj”, fare de Mireille Grosjean. La alian prelegon faris Andrej Grigorjev kun la titolo: „Siberia Fervojista Sindikato”.

Frua vespere okazis ***Ekumena diservo*** en la romanika preĝejo en Artigues. Tri pastroj celebris la esperantlingvan diservon, kiun pr. 30 kongresanoj partoprenis.

Vespere okazis ***Prezento pri la centa UK*** okazonta en franca urbo Lille en 2015. Poste la dupersona ***Muzikgrupo Kajto*** donis koncerton. Ili en Esperanto faris spektaklon plenaj je humuraj, emociaj kaj ekologiaj aŭ socikritikaj kantadoj ritmigo per manfrapoj kaj foje eĉ kundancado.



**La geedzoj Lafosse prelegas pri la bordoza tramo**

**Vendrede** antaŭtagmeze okazis ***Duontaga ekskurso*** al la citadelo de Blajo. La citadelo estas unu el la plej belaj konstruaĵoj de la milita arkitekturo de la 17-a jarcento. La vizito memorigis interesplenajn historiajn eventojn, kaj ebligis ĝui

admirindajn panoramojn al la ĉirkaŭa blaja kamparo, al la urbo, kaj al la vasta estuaro Ĝirondo, kaj ties insulo-vico.

Posttagmeze okazis la ***Fermo de la kongreso***. Sylviane Lafargue malfermis la lastan oficialan kongresan eventon. Rodica Todor iomete detale taksis la kongresajn okazaĵojn. Ŝi esprimis sian kontenton pri la aranĝo, kaj laŭdis la LKK-anojn kaj la helpantojn, kiuj kontentige prizorgis ĉion. Ŝi aparte menciis la sukceson de la komune organizita kongreso, kiu havis grandajn avantaĝojn ĉefe pro la riĉaj kulturaj programoj, pro la multaj altkvalitaj prelegoj, eĉ pro la internacia etoso. La prezidantino akcentis la sukceson de la Kongresa Bulteno, el kiuj aperis tri numeroj ilustritaj per fotoj de la kongresaj eventoj. Post la adiaŭparolo la LKK-prezidantino vokis al la podio la LKK-anojn kaj la helpantojn, kiuj ricevis grandan aplaŭdon. Eĉ la vicprezidantino de UEA Claude Nourmont aparte vokis al la podio s-inon Renée Triolle, kaj transdonis al ŝi UEA-distingon pro la multjara, efika kaj entuziasma agado en Esperantujo. Fine la kongresan flagon transprenis Vito Tornillo LKK prezidanto de la 66-a IFEF-kongreso. Post la fermo okazis interesa ***Kultura programo***, kiam la internacia koruso „Interkant" montris sian novan spektaklon „Pri Karmen".

Vespere okazis la ***Adiaŭa vespero***. Estis ege interesa, ke mem la kongresanoj prezentis kantojn, skribaĵojn kaj muzikojn. Kelkaj el ili estis vere altnivelaj, eĉ profesiaj. Do estis inda fermo de la kongreso.

Ĝis revido en la venonta majo en San Benedetto del Tronto, en la 66-a IFEF-kongreso!

**István Gulyás**




**Kongresa flago de IFEF**

# Salutvortoj de la IFEF prezidantino dum la solena malfermo de la 65-a IFEF-kongreso

Estimataj partoprenantoj, karaj geamikoj,



Kiam oni invitis tiun kongreson, la invitparoloj de niaj francaj kolegoj komencis tiele: "Sesan fojon, je la nomo de IFEF, la Franca Fervojista Esperanto Asocio akceptos vin en Francio. Samtempe kaj samloke, kunlaborante kun FFEA, partoprenos tiun eventon Unuiĝo Franca por Esperanto."
Ili proponis kiel kongresurbon por la 65-a IFEF kongreso Artigues-près-Bordeaux, situanta ĉe la ĉirkaŭaĵo de Bordozo. Post 1951-Paris, 1969-Avignon, 1988-Perpignan, 1999-Le Mans, 2007-Paris, ĉi-jare estas la vico de urbo el Akvitanio - sudokcidenta regiono de Francio, en departemento Ĝirondio - "la arĝenta marbordo".
La gastamaj lokaj organizantoj certe sentigos nin bonege, kaj la proponitaj vidindaĵoj estas nepre vizitindaj! Ni havos eblecon esplori la trezorojn de riverhavena Bordozo, floranta komercurbo kun riĉaj artaj konstruaĵoj kaj monumentoj, ni trovos historiajn ŝpurojn en lokoj situataj ĉe la koro de la natura regiona parko "Landes de Gascogne", kie la prinatura muzeo de la "Grande Lande" rememorigas la ĉiutagan vivon de la 18-a kaj la 19-a jarcentoj, kaj ni ĝuos la ĝirondian marbordon pli ol 125 km-jn longa, kie plene regas la 107 metrojn alta duno Pilat, kiu estas la plej alta en Eŭropo. Ni ne forgesu, ke la prestiĝo de Ĝirondio venas ankaŭ de la vinberkulturaj pejzaĝoj kun siaj noblaj vinberspecoj, kiuj donis al tiu regiono la krom-nomon de "bordoza vitolando".
La programo de la kongreso estas ege riĉa kaj diversflanka, sed ĉefe ĝojiga estas la daŭrigo de la komuna laboro farita de pluraj gravaj esperantaj organizoj. Konforme al la kunlabora interkonsento subskribita pasintjare inter ILEI kaj IFEF en Herzberg-am-Harz - la Esperanto urbo - s-ro Stefan McGill gvidos denove modernan kurson de Esperanto por uzo en fervojistaj rondoj.
La kunorganizanta UFE, kies ĝermoj troviĝas en la komencoj de Esperanto, aldonos siajn jardekajn spertojn, ĉar tiu Esperanto-asocio fondiĝis en 1898, kiel tegmenta organizaĵo de francaj esperantistoj. De franca esperantistaro estas ligita la jaro 1905, kiel unu el la ĉefaj jaroj de la lingvo kaj ties komunumo. Okazis tiam en sukcesa, mirinda interkompreniĝo, la unua Universala Kongreso de Esperanto en Boulogne-sur-Mer, kiun ĉeestis D-ro L.L. Zamenhof.
Ligita al la komencoj de franca esperantista movado estas ankaŭ la nomo de Armand Berlande, fervojisto vivanta tiam en Villeneuve St. Georges, kiu iniciatis la unuan paŝon koncerne la kunlaboradon pere de Esperanto inter fervojistoj. La 20-an de marto 1909, en la

revuo "Esperanto", li instigis al kunligo kaj interŝanĝoj inter esperantistaj fervojistoj. Estas multaj nomoj de elstaraj francaj fervojistaj esperantistoj, kiuj skribis tiun historion kaj kiujn devus mencii. Inter eminentuloj ni ne forgesu s-ron Pierre Robiolle, dum jaroj prezidanto de FFEA kaj nuntempe la honora prezidanto de tiu asocio. Li estas eble unu inter la plej honorigitaj personoj laŭlonge de sia ĉu profesia, ĉu sociala vivo. Por la multflanka kaj bonrezulta agado sur la tereno de la fervojista Esperanto-movado li ricevis la plej altvaloran distingon: "Honora Membro de IFEF".

Dank'al la senĉesa strebado de tiaj konstante kaj daŭre entuziasmaj homoj, post 125-jara ekzisto de nia komuna lingvo la perspektivo certe estas optimisma.

IFEF restas unu inter tiuj lingvodefendaj asocioj kies lukto por lingva diverseco kaj egalrajteco estas daŭrigota. Niaj kongresoj estas la plej efikaj bataliloj por la montrado de nia ekzisto, por defendado de Internacia Lingvo en translimaj fervojistaj kontaktoj kaj por la informado al la eksterularo.

La fakaj prelegoj, la debatoj de la fakaj komisionoj kaj la diversspecaj prezentadoj donas al la ĉeestantoj riĉan eblecon pliboniĝi kaj ampleksigi iliajn fakajn konojn kaj sciojn, cele akcenti la rolon de la fervojoj en la disvolviĝo de la moderna mondo.

En la nomo de IFEF, mi kore dankas niajn francajn kolegojn por ke ili transprenis ĉi tiun ampleksan organizan taskon, kaj mi sincere gratulas al la LKK por fervora planado kaj preparado de tiu kongreso, kiu donas al la partoprenantoj el ĉiuj landoj la eblecon havi kiel eble plej favorajn aliĝkondiĉojn.

Mi deziras konkretigi tiujn dankojn per atribuo al kelkaj inter ili la honorigajn diplomojn de IFEF – jam kutima emocia momento dum solena inaŭguro. Temas pri:

**S-ino Jeannine Daguin**, kiu diskrete sed ege kapable laboradis por la plej malfacila flanko de iu ajn kongreso - temas pri la financa flanko.

**S-ro Bernard Sarlandie**, prezidanto de Esperanto-Ĝironde, kiu estas ekde la komenco ano de la teatra grupo "La kompanoj", kaj vigla organizanto de pluraj kongresoj.

**S-ro Marcel Redoulez**, por lia sindona kaj nelaciĝa kontribuo, kiel bona konanto de tiu regiono. Sen lia oferemo kaj ties teamo, ne estus ebla nia ĉeesto ĉi tie.

Post tiu emociiga momento, en la nomo de IFEF mi deziras sukcesajn, riĉigajn, klerigajn kaj amuzajn tagojn en tiu bela kongresa urbo.

Samtempe mi deziras, ke tiu kongreso plifortigu nian "familian fakan rondon", estu ĝojplena por ni ĉiuj, kaj restu en nia memoro kiel neforgesebla travivaĵo.

Per tiuj vortoj mi deklaras la 65-an IFEF kongreson malfermita.

**Rodica Todor**
IFEF-prezidantino

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2012

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2012. La resuma jarraporto ne estas kompleta ĉar malgraŭ pluraj alvokoj ne alvenis jarraportoj el Norvegio, Slovakio kaj Serbio. El Germanio kaj Pollando en la lasta minuto alvenis tiu.

**1. La landaj asocioj**

La landaj asocioj raportas pri 1248 membroj, kiu nombro estas kun 142 membroj malpli ol en la antaŭa jaro. Se ni ekzamenas la tendencon de la malkresko de la membro-nombro de fervojistaj esperantistoj, ni konstatas, ke ekde la jaro 2001 en ĉiuj jaroj grave malkreskis tiu nombro. En 2001 la membro-nombro estis 3160, en 2005 tiu estis 2310, en 2010 tiu nombro estis 1710, kaj en la jaro 2012 estis nur 1248. La kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, la gejunuloj ne venas al ni, kaj neniu povas transpreni la « stafetbastonon » de ni. Bedaŭrinde malboniĝas la ekonomia situacio en la tuta Eŭropo, eĉ preskaŭ en la tuta mondo, kontinue ŝanĝiĝas la fervojaj organizoj, pro tio malkreskas la nombro de fervojistoj, kaj disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo. Laŭ la raportoj 8 landoj havas malpli ol 50 membrojn, 4 landoj havas membrojn inter 51 kaj 100, 2 landoj havas membrojn inter 101 kaj 200, kaj unu lando havas pli ol 200 membrojn.

Laŭ la kotizoj IFEF nombras – kune kun la 7 individuaj membroj – 474 membrojn, kiu nombro estas kun 16 membroj malpli ol en la antaŭa jaro. Se ni komparas la membro-nombron de IFEF kun la pasinta jardeko, la rezulto ankaŭ montras bedaŭrindan aferon. En 2001 la membro-nombro de IFEF estis 992, en 2005 estis 718, en 2010 estis 515, kaj en la jaro 2012 estis nur 474. Tio estas malgaja tendenco. En Japanio, Danio kaj Italio ĉiuj siaj membroj estas IFEF-anoj. La raportoj indikas la kreskon da emerituloj. En 6 landoj la indiko egalas aŭ superas 90%-ojn . Danio, Kroatio , Hungario kaj Slovenio havas inter 64% kaj 70%-ojn da emerituloj, Ĉinio havas 50%-ojn. Nur Rumanio havas 27%-ojn da emerituloj.

**2. Taskoj de la landaj asocioj**

Naŭ landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano kaj kolektis indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado.

**3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj**

Dek landoj raportas pri interrilatoj kun la fervoja administracio. El ili kvin asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-

eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunveni. Nenie troviĝas Esperanto-klarigo kaj instrukcioj en oficiala fervoja horaro. Kvin landaj asocioj kontaktis kun sindikatoj, kaj du ricevis apogon.

Sep landaj asocioj havis rilaton kun la landa FISAIC-sekcio, kvin landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ alian helpon de la landa FISAIC-sekcio. Kvar landaj asocioj havas oficon en la FISAIC-organizaĵoj. Dek landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj aŭ religiaj organizoj.

**4. Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj**

En Aŭstrio, Belgio kaj Germanio, ne okazis jarkunveno en la jaro 2012. Entute 262 partoprenantoj ĉeestis dum la jarkunvenoj. Nur tri landaj asocioj raportas pri eksterlandaj gastoj. En ses jarkunvenoj okazis fakprelegoj aŭ distraj kaj ekskursaj programoj. Tri landoj aranĝis aŭ partoprenis fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

**5. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj**

Laŭ la raportoj preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havis interrilatojn kun sia landa asocio de UEA. Nur en tri landoj ekzistas SAT organizaĵo, kun kiuj la fervojistaj esperantistoj interrilatis. Ĉiuj landaj asocioj havis bonan interrilatojn kun aliaj Esperanto-organizaĵoj. Entute estas 37 fervojistaj fakdelegitoj ĉe UEA. En Hispanio, Kroatio kaj Pollando ne ekzistis fakdelegito.

**6. Informado en la plej vasta senco**

La fervojistaj esperantistoj en ok landoj aranĝis ekspozicion, en ses landoj plenumis kromajn aktivecojn (flugfolioj, afiŝoj, retpaĝoj...). Dek landaj asocioj en propra medio informis la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj pere de fervojistaj gazetoj kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj. Ses landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj.

**7. Instruado**

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj – ekcepte Aŭstrio, Belgio kaj Slovenio – raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj. Entute partoprenis 351 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉinio, Francio, Hungario kaj Rumanio. La lingvokursoj estis memstare en dek landoj, kaj kvar landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio aŭ aliaj Esperanto-organizoj.

**8. Junulara agado**

Ses landaj asocioj raportas pri entute 64 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo) el la tutaj asociaj membroj. En Hungario 38, en Ĉinio 20, en Rumanio 2, en Italio, Kroatio kaj Slovenio nur 1

gejunuloj troveblas. Memstara junulgrupo ne ekzistas. Malgraŭ propagando, kongresoj, klubkunvenoj kaj aliaj alogaj programoj akiri novajn membrojn el la junularo estas vana afero. Ni devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton. Tio estas la plej granda problemo en la kadro de nia movado.

**9. Landaj organoj**

En la jaro 2012 naŭ landaj asocioj eldonis propran organon. En Bulgario, Ĉinio, Francio, kaj Hungario aperis kvarfoje, en Danio, Hispanio kaj Italio trifoje, en Rumanio unufoje rete. La japanoj eldonis informilojn pri la enhavo de la revuo IF. La nombro de la jara paĝo estis 759, laŭlande ĝi varias inter 7 kaj 104 paĝoj. Ok landoj eldonis ĝin pure en Esperanto. Dekunu landoj havis spacon en aliaj organoj.

**10. Faka agado**

Naŭ landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. La interrilato kun la RailLex grupo de UIC estas kontentiga. Sur tiu tereno GEFA agadas plej efike. Ses jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

**11. Ekonomio**

En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la redukto de la elspezoj povis ekvilibri la financan staton. En tri landoj la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga, sep landoj havis modestan ekvilibron. En Belgio, Ĉinio, Hispanio kaj Pollando la ekonomia situacio estas malbona.

**12. Fina komentario**

La ĝenerala situacio de la fervojista Esperanto-movado ne estas bona. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro de la asocioj, la manko de gejunuloj, kaj la manko de intereso por Esperanto inter fervojistoj. Estas grava problemo, ke kontinue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membro-nombro de IFEF. Ni devas trovi taŭgajn metodon kaj eblecojn por plibonigi la laborojn de niaj landaj asocioj kaj la agadojn de IFEF, helpe de la Laborplano de IFEF.

**Sylviane Lafargue**
Vicprezidantino de IFEF

## Raporto de la sekretario de Fake Aplika Sekcio de FK
**(65-a IFEF-kongreso 2013 en Artigues-prés-Bordeaux)**

**1. Internaj aferoj.**
En septembro 2012 okazis, kiel tradicie la foiro Innotrans dediĉita al fervoja industrio. La foiron vizitis s-roj Niemann, Ehrlich kaj Kovář kaj konatiĝis kun la plej modernaj fervojaj teknologioj, produktoj kaj inventoj.
Okaze de jarkonferenco de Ĉeĥa fervojista esperanta asocio en Šumperk estis prezentitaj kelkaj fakaj prelegoj el la 64-a IFK en Herzberg a.H.
Dum pasinta jaro aperis, dank´ al s-ro Tomíšek 12 kolektoj de interesaj artikoloj el fervoja medio sub titolo „El fervoja mondo“, afable korektis s-ro H. Hoffmann.

**2.Fervojfakaj kajeroj.**
La 21-a numero de Fervojfakaj kajeroj enhavas 6 artikolojn prezentitajn dum la kongreso:
H.Hoffmann : Sciindaĵo pri Harcaj Etŝpuraj Fervojoj
Z.Hinšt: Datrevenoj de elstaraj esperantistoj en Kroatio en la jaro 2012
L.Niemann: La dana entrepreno „Metro-Service“ transiras limojn
M.Ratzlaff: Joachim Giessner
J.Tomíšek: Rerigardo al foiro Innotrans 2012
J.Matuška,J.Tomíšek: Universitato Pardubice
Dankon al ĉiuj, kiuj meritas eldonon de la nunjara FFK 21.

**3. Faka programo dum la 65-a IFEF kongreso.**
Cxefa prelego – 9.5.2013, 09,00-10,00: Michel Lafosse :Bordoza tramo

**4. Prelegetoj.**
Respektive – aliaj prelegoj:
8.5. 17,30-19,00 Stefan McGill : Rolo de fervojo en moderna mondo
9.5. 10,00-11,00 Robert Combes: Naskiĝo de giganta viadukto en Francio 1901 - 1909
14,00-15,30 Mireille Grosjean:Pri Japanaj fervojoj
16,00-17,30 Andrej Grigorjev: Siberia fervojista sindikato

Dimanĉe la 5-an de majo okazos prezento de aktualaĵoj (prelegetoj).
Jan Niemann: Trajnfonduso
Zlatko Hinšt:Prezoj en tabeloj kaj grafikaĵoj
Ladislav Kovář: Alikonstruo de stacio Ústí nad Orlicí

**5. Faka programo dum 97- UK 2012 en Hanoj**
Fakan programon prizorgis tie s-ro E. Quietensky. La fakan programon dum la 98-a UK en Rejkjaviko certigos S. Lafargue eventuale E. Quietensky.

**6. Antaŭviditaj okazoj en la jaro 2013:**
Fervoja foiro - Czech Raildays Ostrava 18.- 20.6.2013

**Ladislav Kovář**

## Raporto de la sekretario de Terminara Sekcio de FK

**(65-a IFEF-kongreso)**

Laŭ laborplana artikolo en la n-ro 6/2012 de IF, ankaŭ Terminara Sekcio nun raportu pri entreprenitaj faritaĵoj laŭ la aktuala laborplano de IFEF.

Nia kerna tasko estas **kontinue evoluigi fervojfakan lingvon** en Esperanto. Dum naciaj faklingvoj estas – preskaŭ – pretaj, uzataj en reglamentoj kaj leĝoj, tamen tre spontanee evoluigitaj kun abundaj sinonimoj, faka planlingvo estu pli klare komprenebla. Speciale por estonta interkomprenigo de diverslandaj fervojistoj, Esperanto pli bone taŭgas por klara esprimado.

Ĉefa bazo de tiu faklingva evoluigo estas la terminologia datenbanko de Internacia Fervojunio UIC kun 24 lingvoj. Ekster la jam ekzistantaj CD-ROM-diskoj *"RailLexic"* estas evoluigata reta versio por klientoj.

Ni estu feliĉaj, ke Esperanto estas unu el tiuj lingvoj, kaj IFEF rajtas nomumi oficialan korespondanton. Pro la sukcesa **terminara kunlaboro kun UIC** ni akiris tie bonan reputacion. La progreso ĉe tradukado de la lasta nova kvincentnocia serio da anglaj, francaj kaj germanaj terminoj en Esperanton tre superas la progreson ĉe aliaj lingvoj, kvankam tie la laboro estas pagata.

La terminaro de UIC estas nur parte **difinvortaro**, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Sole surbaze de difino oni povas kontroli, ĉu la antaŭe sen scio de difino decidita termino trafas la nocian enhavon. Pri **dubaj terminoj** nia sekcio diskutas helpe de **Terminara Kuriero "TeKu"**. Termindecidoj okazas en kongresaj kunsidoj. En la du pasintaj jaroj aperis po 3 numeroj de TeKu pri averaĝe po 7 novaj taskoj. La Esperanto-difinoj enigitaj en la UIC-datenbankon ĝis nun atingis la nombron pli ol 1800.

Lastajn proponojn por sekva revizio de PIV ni sendis en septembro 2010. En la reta versio de PIV ĝis nun estas akcepte korektita ĉirkaŭ duono de ili.

Por seminarioj de instruista ligo **ILEI** mi kompilis liston da deciditaj terminoj jam antaŭ la kongreso en Herzberg. Spite al farita kunlabora interkonsento, kontaktoj kun ILEI bedaŭrinde estas interrompitaj.

Al **Terminologia Esperanto-Centro** ne ekzistas kontaktoj.

En la laborplano de IFEF mi konstatas, ke parto de tie listigitaj taskoj estas jam neaktualaj deprenaĵoj el antaŭaj laborplanoj:

Nia terminara laboro koncernas nur **internacian lingvon**. **"Intencigi la terminaran laboron sur nacia nivelo"** jam ne estas nia tasko. Tio devenis el tempo, kiam la UIC-terminaro enhavis nur malmultajn lingvojn.

Por denove **traduki internaciajn reglamentojn** mi ne vidas aktualan bezonon. Eventuale tio estus tasko post la fervoja oficialigo de Esperanto en ankoraŭ fora estonteco.

Jam antaŭ multaj jaroj mi proponis al UIC **enigi ankoraŭ mankantajn nociojn**. La klopodoj estis vanaj. Nuntempe UIC mem de tempo al tempo aldonas grandan serion da novaj nocioj

La tasko **"recenzi tekstojn"** evidente vere koncernas revizion. Mi ricevas ĉiujn artikolojn por Fervojfakaj Kajeroj kaj multajn aliajn faktekstojn por revizio antaŭ publikigo. Tio estas ankaŭ granda parto de mia terminara laboro.

**Heinz Hoffmann**

## PROTOKOLO PRI LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO
**en la 65-a IFEF-kongreso en Artigues près Bordeaux (FR) 08.05.2013**

Mallongigoj:
Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166)

### 1. Malfermo, konstato de la mandatoj

La Pr-ino Rodica Todor malfermas la kunsidon, salutas kajbonvenigas la ĉeestantojn.
Ĉeestas la estraranoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Pr-ino | Rodica | Todor | RO |
| Vp-ino | Sylviane | Lafargue | FR |
| Sk | Vito | Tornillo | IT |
| Ks | Laurent | Vignaud | FR |
| Rd | István | Gulyás | HU |

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn.

| Lando | Kodo | Komitatano | |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Ernst | QUIETENSKY |
| Belgio | BE | Clara | BRACKE |
| Bulgario | BG | Metodi | MARKOV |
| Ĉeĥio | CZ | Jindrich | TOMÍSEK |
| Danio | DK | Jan | U. NIEMANN |
| Francio | FR | Christian | DARDENNE |
| Germanio | DE | Achim | MEINEL |
| Hispanio | ES | Neniu | |
| Hungario | HU | István | SUTKA |
| Italio | IT | Romano | BOLOGNESI |
| Kroatio | HR | Zlatko | HINST |
| Pollando | PL | Wieslaw | LIBNER |
| Rumanio | RO | Florin | NEGREA |

**Ĉeestas 12 voĉdonrajtaj k-anoj el 12 landoj**

**2. Ricevitaj leteroj, retmesaĝoj.**
La Ĉk laŭtlegas la salutleterojn de: Han Zuwu nome de ĈFEA (Ĉinio), Moritaka Osioka nome de JELF (Japanio), Probal Dasgupta prezidanto de UEA (Hinda Unio), Herbert Mayer direktoro de la Esperanto-Muzeo en Vieno (AT), Zsófia Kóródy nome de ICH Herzberg (DE), Elda Doerfler nome de la Triesta Esperanta Asocio (IT), Radio FREI Esperanto (DE), HM János Patay (HU), HM Martin Stuppnig (AT), k-goj Hubert Peyrouty (FR) kaj Serio Boschin (IT).

**3. Honorigo al la mortintoj.**
La Sk laŭtlegas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 64-a IFK (Herzberg 2012) ĝis la 65-a IFK (Artigues-prés-Bordeaux 2013). Oni honorigas ilin per unuminuta silenta ekstarigo, ke ili ripozu pace.

| Lando | Antaŭnomo | Familia nomo | Naskdato | Mortdato | Aĝo | Rimarko |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Otto | **Martinkovich** | 03.1929 | 2012 | 83 | |
| Aŭstrio | Josef | **Schallaun** | 07.1922 | 07.2012 | 90 | Ks Vieno |
| Aŭstrio | Lorenz | **Stocker** | 07.1917 | 2012 | 95 | |
| Belgio | Henri | **Grosjean** | 1936 | 12.2012 | 76 | |
| Bulgario | Enju | **Enev** | 1944 | 09.2012 | 68 | BEFS Pr |
| Bulgario | Liljana | **Stojceva** | | 09.2012 | | BEFS Sk |
| Danio | E.Henning | **Olsen** | 09.1930 | 10.2012 | 82 | HM, Sk, Rd de IFEF |
| Danio | Irving | **Sorensen** | 1921 | 2013 | 92 | |
| Danio | Inge | **Sorensen** | 1931 | 2012 | 81 | |
| Francio | Marc | **Noulin** | 02.1931 | 01.2013 | 82 | |
| Francio | Henri | **Deum** | 03.1924 | 08.2012 | 88 | |
| Francio | Simone | **Humm** | 09.1920 | 09.2012 | 92 | |
| Germanio | Heinz | **Schindler** | 08.1920 | 09.2012 | 92 | HM de IFEF |
| Germanio | Margret | **Brandenburg** | 08.1932 | 09.2012 | 80 | |
| Germanio | Gottfried | **Drey** | 1925 | 2012 | 87 | |
| Hungario | József | **Cziboly** | 10.1936 | 04.2013 | 76 | RK de IFEF |
| Hungario | Mónika | **Klauz** | 1970 | 2012 | 42 | |
| Hispanio | Rafael | **Ruiz** | 1927 | 06.2012 | 85 | |
| Italio | Luigi | **Primareva** | 1932 | 08.2012 | 80 | |
| Italio | Gastone | **Boragini** | 09.1930 | 03.2013 | 82 | |

**4. Estraranaj raportoj**
**4.1. Sekretario**
La Sk laŭtlegas la resumon de la raporto aperonta en IF 4. 2013. Unuanime aprobita.
**4.2. Redaktoro**
Raporto aperis en IF 2. 2013. Unuanime aprobita.

Pro la forpaso de k-go Cziboly la Rd plendas pro la manko de la teknika apogo por la enpaĝigo de IF. La k-go Bruno Henry sin proponas por enpaĝigi la revuon kaj kunlabori en la Redaktora Komisiono.

**4.3. Kasisto**

La Ks laŭtlegas la buĝeton (aperinta en IF 2.2013). Li klarigas kelkajn punktojn de la tabeloj. Venontjare li aldonos komentarion al la tabeloj, kiuj aperos en IF. Unuanime aprobita.

**5. Protokoloj de la 64-a IFK Herzberg am Harz (DE)**

La protokoloj estis senditaj al k-anoj kaj aliaj IFEF membroj. Unuanime aprobitaj.

**6. Raporto de la ĉefkomitatano:**

Ĉk laŭtlegas la raporton. Unuanime aprobita.

**7. Kongresproponoj:**

**7.1. Estrarelekto:**

La estaranoj ĉiuj estas denove kandidatoj por la venonta oficperiodo.

Dekunu k-noj voĉdonis, la e-o estas reelektita.

**7.2. Statut-ŝanĝoj rilate al la repago de la estraro (4 proponoj).**

Post la repreno de la demisioj de la Vp-ino, la propono de Martin Stuppnig ne plu validas. Kiel jam estis pridiskutita en la nepublika kunsido, estas akceptita la propono n-ro 4 de la e-o.

La punkto "16) en VIII. Aldono KR (Kongresa Regularo)" estas tiel ŝanĝata: LKK kontribuu por la tranoktadkostoj al estraranoj, ĉefkomitatano, gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro de la Faka Komisiono por kvar noktoj.

7.3. Elekto de la Komitatano „A"de IFEF ĉe UEA.

La Vp-ino daŭrigante en sia posteno volonte daŭrigas ankaŭ por la posteno de Komitatano „A" de IFEF ĉe UEA. Unuanime aprobita.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**8.1 Gvidanto**

Jan Niemann prezentas la Fervojfakan Kajeron n-ro 21. Ankoraŭfoje la FK sukcesis pretigi ĝin por la kongreso. DEFA pagis por la eldono de la kajeroj.

Li raportas iomete pri la partopreno de la FK al la granda transportfoiro INNOTRANS en Berlino en septembro 2012, kun bedaŭro ĉar escepte de ili neniu sin proponis partopreni, kvankam la kunlaborantoj de la FK estis invititaj. Unuanime aprobita.

**8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**

Ladislav Kovář parolas pri la agado de la pasinta jaro: li partoprenis en la transportfoiro INNOTRANS en Berlino kaj konatiĝis kun la plej modernaj

fervojaj teknologioj, produktoj kaj inventoj. Okaze de jarkonferenco de Ĉeĥa Fervojista Esperanta Asocio en Šumperk estis prezentitaj kelkaj fakaj prelegoj el la 64-a IFK en Herzberg. En la FFK n-ro 21 aperis 6 artikoloj de diversaj kolegoj. Kunordigis la prelegojn, dum la nuna kongreso, faritajn de 4 samideanoj ne fervojistoj kaj la ĉefprelegon pri la bordoza tramo prezentita de Michel Lafosse, krome 3 prelegetojn pri fervoja aktualaĵo. Unuanime aprobita.

**8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**

Heinz Hoffmann pro lastmomentaj sanproblemoj ne povis ĉeesti, li sendis mesaĝon kaj detalan raporton kiun k-go Niemann laŭtlegis: La progreso ĉe tradukado de la lasta nova kvincent nocia serio da anglaj, francaj kaj germanaj terminoj en Esperanton tre superas la progreson kompare kun aliaj lingvoj. La terminaro de UIC estas nur parte difinvortaro, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Termindecidoj okazas en kongresaj kunsidoj. En la du pasintaj jaroj aperis po 3 numeroj de TeKu pri averaĝe po 7 novaj taskoj. La Esperanto-difinoj enigitaj en la UIC-datumbankon ĝis nun jam estas pli ol 1800. Unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

**9.1 Komitatano „A" de IFEF ĉe UEA.**

La Vp-ino ne partoprenis en la lasta UK. K-go Quietensky el Aŭstrio partoprenis oficiale kiel delegito de IFEF kaj bone aranĝis la fervojistan kunvenon, la detala raporto jam aperis en IF 5.2012. Por la venonta UK la Vp-ino aliĝis kaj klopodos organizi fervojistan kunvenon. Unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj 2012 el la landaj asocioj**

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2012. La resuma jarraporto ne estas kompleta ĉar malgraŭ pluraj alvokoj ne alvenis jarraportoj el Norvegio, Serbio kaj Slovakio. La raporto aperos en la venonta IF. Unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

La Ĉk raportas ke en lastaj jaroj en kelkaj l.a. la situacio ne estas bona, ĉefe en Aŭstrio, Danio, Serbio, Slovakio kie preskaŭ ĉesis la agadon. Pro tio ni devas agi por la pliboniĝo de la agado en la nunaj l.a. La kontaktoj en aliaj landoj ne donis gravajn rezultojn, la eniro de Kubo en nian federacion estas pozitiva paŝo, ankaŭ la promeso de Andrej Grigorjev el Siberio, esplori kaj reklami por IFEF inter la fervojistoj de Siberio, pere de la sindikata ĵurnalo ĉe kiu li deĵoras, estas pozitiva. Unuanime aprobita.

**12. Buĝeto 2014, kaj kotizkonfirmo**

Ne okazos ŝanĝoj, ankaŭ la kotizo restos la sama. La komitato traktis kaj akceptis la buĝeton 2014. Unuanime aprobita.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj: UEA, FISAIC, ILEI, SAT, UMEA, ISAE.**

**13.1 UEA**

Dum la Universalaj Kongresoj IFEF aktive kunlaboras kun aliaj fakaj asocioj ILEI, UMEA, ISAE, SAT. La Vp-ino dum la UK klopodos kontakti la novajn respondeculojn de la asocioj por renovigi la interkonsentojn kiel jam farita kun ILEI.

**13.2 FISAIC**

Pri FISAIC jam delonge ni parolis dum la e-kunsidoj kaj la nepublika komitat-kunsido, la rilatoj ne estas tre bonaj, Laŭ la FISAIC regularo, ni ĉiam agis for de FISAIC, ĉar ĝi deklaras ke en la FISAIC manifestacioj rajtas partopreni nur membroj de la landaj sekcioj de FISAIC, alie la kongreso ne povus okazi sub la aŭspicio de FISAIC mem. Al niaj kongresoj ĉiam aliĝis homojn kiuj venis el eksteraj landoj de FISAIC, ni ĉiam agadis ekster la regularo.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 66-a IFK en 2014**

IFEA prezentas la proponitan urbon: San Benedetto del Tronto, de la 17a ĝis la 24a de majo 2014. Unuanime aprobita.

**14.2 Elekto de lando por la 67-a IFK en 2015**

ĈFEA sin proponas (per oficiala letero) organizi kongreson en Ĉinio. Unuanime aprobita.

14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj

2016 Bulgario sin proponas.

**15. Eventualaĵoj**

Neniu petas la parolon.

**16. Libera diskutado**

Nenion.

Manke de aliaj intervenoj, la Pr-ino fermas la kunsidon.

La sekretario

**Vito Tornillo**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**63-a eldonjaro**

Dumonata fervojista Revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia Fervojista Esperanto – Federacio**

**Prezidanto :** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetăţii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
<rodica_todor@yahoo.com>

**Vicprezidanto :** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le Roi
<sylviane.lafargue@dbmail.com>

**Sekretario :** Vito Tomilo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
<vitomi@virgilio.it>

**Kasisto :** Laurent Vignaud
3 allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
<laurent.vignaud@free.fr>

**Redaktora komitato :**
**Gvidanto :** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
<istvan.gulyas@lidonet.hu
**Membroj :** B. Henry, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto :
**Ĉekoj nur ĝiroj al**
**« Laurent Vignaud »**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante al ekstarlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN :
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo : PSSTFRPPNTE

**UEA-konto : iffk-a**

**Apermonatoj :**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Mindszenthalmi Nyomdaipari Kft.
Hungarlando
<www.ifef.net>
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
OV : Jan Niemann
<niemann@kabelmail.dk>
SK : D-ro Heinz Hoffmann
<hoffmann-ifef@cablemail.de>
SK : Inĝ Ladislav Kovář
<kovar.lad@email.cz>

# JÓZSEF CZIBOLY
# (1936-2013)

La Hungara Fervojista Esperantio-Asocio kun profunda ĉagreno anoncas, ke la eminenta inĝeniero, anlando kaj internacie konata kaj ĝisfine fidela esperantisto, József Cziboly la 27-an de aprilo mortis.



Li naskiĝis la 15-an de oktobro 1936. Post lia abiturienta ekzameno li akiris inĝenieran diplomon. Li komencis sian inĝenieran karieron ĉe MÁV. Dum lia fervoja dejoro li ekkonis kaj alproprigis la Internacian Lingvon Esperanto, kaj poste kun granda entuziasmo li tuj aliĝis al la movada laboro.

Post jardeko da profesia laboro ĉe MÁV li ŝanĝis laborlokon, tamen li plu agadis en la Esperanto-movado. Li partoprenis multajn IFEF- kaj UEA-kongresojn, kaj aktive laboris en la organizaj laboroj de tiuj. Per la lingva reviziado de la faka revuo 'Hungara Fervojista Mondo' li akcelis la kreskigon de ties lingva nivelo, kaj kiel zorgema redaktoro evoluigis la estetikan formon de la periodaĵo. Ekde la j. 2010 li alprenis al si la samajn taskojn de la oficiala bulteno de IFEF 'Internacia Fervojisto', kaj akiris rekonojn en la rondo de la fervojistaj esperantistoj de la mondo. Dum la lasta periodo li estiĝis estrarano de nia landa asocio. Pro lia rezultohava laboro plurfoje li ricevis honorigojn.

József Cziboly postlasis grandan spacon, sed per memoro ni anstataŭigas la mankon de Li.

Li ripozu en paco!

**Hungara Fervojista Esperanto-Asocio,**

**Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**